Hamburg Esperanto

6/1999
Oktobro/Novembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Esperanto-varbado per informstando en la ekspozicio „Du und Deine Welt”



Inter la 27-a de Augusto kaj la 5-a de Septembro 1999 okazis en la 12 Hamburgaj foir-haloj tre ampleksa ekspozicio por hejmaj kaj shatokupaj bezonoj. Dum tiuj 10 tagoj pli ol 150000 homoj venis, ne nur el Hamburg.

| **Enhavo** | **Editorajxoj** |
|---|---|
|  | Redaktofino de Hamburg Esperanto<br>n-ro 1/00: 18-11-1999<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.* |

| | |
|---|---|
| | Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: Frank Merla<br>http://members.aol.com/MerlaFrank |
| La HES Klubejo estas malfermita Jxaude ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj laubezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 au 39 19 44 14 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 39 19 44 14 |

## Karaj legantoj!

La redaktoro ghojas, ke venis tiom da materialo por tiu chi eldono de Esperanto Hamburg. Koran dankon! Restas nur mencii kiel lastatempa gravajho la dekjarighon de la partnereco inter Osaka kaj Hamburg. Tion oni festis i. a. dum malfermo de ekspozicio de poem-bildoj, *Haiga*. Videlblis pentrajhoj de Esperanton parolanta japanino, s-ino *KITA Satori* (Esperanto Hamburg raportis en n-ro 5/1999).

Agrablan legadon deziras

Frank Merla

Enhavo

---

## Sentenco

Problemoj estas bonaj shanco
por montri
kion oni povas.

Duke Ellington

Enhavo

---

## Esperanto-varbado per informstando en la ekspozicio „Du und Deine Welt"

La chijara informstando de la Germana Esperanto Asocio, Landa Ligo Hamburg, estis 3 * 4 m granda kaj allogis multajn vizitantojn. Precipe la grandaj kongesaj afishoj por la Universalaj Kongresoj 2000 en Tel Aviv, 2001 en Zagreb kaj por la Europa kongreso en Oostende, Belgio, (27-a de Aprilo ghis 1-a de Majo 2000) vekis scivolon kaj informighemon che la pasantoj.



Niaj Hamburgaj gesamideanoj *Mariko Aoshima*, *Kerstin Baasch*, *Klaus Diekmann*, *Pia Haasis*, *Jan-Christoph Hienerwadel*, *Benno Klehr*, *Hella Lanka*, *Bruno Lehmann*, *Peggy Ley*, *Sylwia Pöhlmann*, *Gerald Roemer*, *Klaus Rohr*, *Jutta Sültz* kaj *Elsbeth Wielgus* meritas multan dankon pro ilia diligenta, strecha laboro: transportado de la ekipajho, starigado, malkonstruado kaj dejhorado.

Pluraj interesitoj gajnis en loterio kuponojn por provleciono, en kiu partoprenis 13 personoj la 11-an de Septembro ek de la 15-a horo en la Esperanto-domo. Ech jam alighis kelkaj homoj al komenca posemajna kurso, kiu komencighos la 30-an de Septembro je la 18-a horo ankau en la Esperanto-domo.

Tiu sukceso montris ne nur al la publiko, ke Esperanto "ankorau vivas", sed ankau realajn pashojn en nia infoma laboro.

Foto kaj teksto: Hella Lanka

Enhavo

---

**Berlino fakte validas vojaghon!**

Por la Germanaj Esperantistoj en tiu chi jaro la plej grava evento estis la Universala Kongreso en Berlino, kiu okazis de la 31-a de Juio êis la 7-a de Augusto en la Internacia Kongresejo "ICC Berlin" sub la shirmado de la Germana eksprezidento Prof. Dr. Roman Herzog. 2712 gekongresanoj el 65 landoj kunvenis. La plej multaj de ili estis en la solena malfermo. Inter la salutoj estis ankau tiu de la nepo de *D-ro Ludoviko Zamenhof*, s-ro *Luis Saraelwski-Zamenhof*.

Dum la kongreso estis malfacile elekti inter la oferataj tre diversaj aranghoj, seminarioj, kunsidoj kaj ekskursoj. Multe okazis ankau ekster la kongresejo. Do ofte Berlinanoj farighis scivolemaj pri Esperanto kaj demandis pri nia lingvo.

El la norda parto de Germanio partoprenis la kongreson jenaj gesamideanoj: *Mariko Aoshima*, *Kerstin Baasch*, *Klaus Böhnke*, *D-ro Werner Bormann*, *Klaus Diekmann*, *Hella Lanka*, *Eva Löbel*, *Wolfgang Löbel*, *Bruno Lehmann*, *Karin Lenki*, *Kai Pöhlmann*, *Sylwia Pöhlmann*, *Gerald Roemer* kaj *Jutta Sültz*. *Sylwia* kaj *Jutta* dejhoris che la rendevedua tabulo kaj vendis biletojn por la bankedo. *Werner* laboris en la gazetara servo por informado, *Hella* dejhoris che la ekskursa gicheto; shi kiel ekskurso-gvidantino enkasigis 27000 GM. *Kaj* laboris en la LKK-oficejo che la komputero, *Gerald* kiel chicherono por ekskursoj, *Kerstin* dejhoris por la junuloj.

La infana kongreso kun 30 infanoj el 5 landoj prezentis dum la solena fermo multajn kantojn en bona kvalito.

La venontaj du Universalaj Kongresoj okazos en la jaro 2000 en Tel Aviv, kaj 2001 en Zagreb.

*Hella Lanka*

Enhavo

---

**Zamenhoffesto**

La chi jara Zamenoffesto okazos la 4-an de Dezembro 1999 kiel kutime ek de la 19-a horo en nia klubejo.

Helpantoj por la preparadoj estas tre konvenaj (vd. ankau la programon, 7-a de Oktobro).

Parteprenontoj alighu che la estraro au che Elsbeth Wielgus (Telefono: 040-254 29 36).

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Oktobro | Novembro |
|---|---|
| 7 **Klubaj aferoj:**<br>Preparado por la Zamenhoffesto<br><br>14 **Hannelore Brunow:**<br>Literatura vespero<br><br>21 **Frank Merla:** | 4 **D-ro Werner Bormann:**<br>Germana lingvo kaj Europa klubo<br><br>11 **Klubaj aferoj:**<br>Foiraj strategioj<br><br>18 **Gerald Roemer:** |

| | |
|---|---|
| Pri akuzativon<br><br>**28 Video:**<br>„La eta princo“ | Vojagho al Japanio<br><br>**25 Video:**<br>„La chambro 99“ |
| **Decembro** | **Nova kurso/Neuer Kursus** |
| **2** Klubejo eble malfermita por helpantoj: Preparado por la Zamenhoffesto<br><br>**4 ZAMENHOFFESTO** 19-a horo<br><br>**9** Klubejo fermita<br><br>**16** Klubejo fermita<br><br>**21** Klubejo fermita<br><br>**28** Klubejo fermita<br><br>**31** Klubejo fermita | **Kurso por Esperanto-komencantoj komencighas en la Esperanto-domo je la 18-a horo la 7-an de Oktobro 1999 kaj dauras Jhaude 12 fojojn. Bv. atentigi viajn interesitojn!**<br><br>**Ein Kursus für Esperantoanfänger beginnt im Esperantohaus um 18 Uhr am 30. September 1999 und findet donnerstags 12 mal statt. Bitte informieren Sie Ihre Interessierten!** |

Enhavo

---

**Vojagho tra Japanio - tri lokoj. Chu ie regas trankvileco?**

**De Gerald Roemer, Germanio**

Antau tri monatoj mi vojaghis dum ses semajnoj tra Japanio por esplori pri la vivo en Japanio, serchis kaj la tradicion kaj la modernecon, shatis interkonatighi - kaj trovi lokojn de trankvileco kaj ripozo (chu tiu eblas en lando tiel dense loghata kiel Japanio?). De japanoj mi ofte audis dum mia vojagho, ke ili ne bone konas sian landon, ekzemple char ili ne havas longajn feriojn. Kelkaj diris, ke mi eble pli bone konas ilian landon ol ili mem. Estas multekoste vojaghi en Japanio, por longaj distancoj povas esti same kosta kiel flugi eksterlanden, kompreneble ankau por mi, pro la alta kurso de la valuto Yen ech 50% pli ol por japanoj. Sed mi shparis ofte la tre altajn hotelkostojn pro la gastamo de la membroj de Pasporta Servo (vi ankau trovas mian adreson en tiu listo), kaj vojaghoj per busoj estas multe pli malaltkostaj ol per trajnoj. La spertoj dum tiu vojagho rilate Pasporta Servo kaj interkonatighoj estas bonegaj. La respondoj al miaj vizitopetoj venis rapide, kelkajn gastigantojn mi atingis interrete kaj per tiu kontaktilo ekzemple horaroj estis senditaj, tiel ke eblis plani la vojaghon tre ekzakte. Tian ekzaktecon japanoj ja tre shatas, kaj estas chiam ghojaj, kiam mi alvenis ghustatempe al stacidomo, kaj tie jam atendis la gastiganto, kelkfoje kun la duona loka Esperanto-klubo de la urb(et)o. Elkore estis chiam la akceptoj, kaj bonege kaj detale preparitaj estis la programoj por vizitoj al multnombraj vidindajhoj, renkontighoj kun aliaj esperantistoj, ekzemple en Osaka, en Nara kaj en Tottori, por nur mencii kelkajn lokojn. Se vi demandus min kien vojaghi en Japanio - krom al la bone konataj turismaj "chefurboj" - jen tri rekomendoj.

Al Kameoka mi jam antau dudek jaroj volis veturi por viziti kurson pri tradiciaj japanaj artoj ofertitia de Oomoto, tiam mankis la mono, nun mi alvenis che mia revo. Tie, nur trikvaronhoron trajne de Kioto, meze de belega valo, estas unu grava religia centro de Oomoto situanta apud la urbocentro. Sur loko de iama granda kastelo nun situas parte sankta, parte eduka, lerna ejo en bela parko. Ghi ne nur donas multajn impresojn pri la religio Oomoto, religio kreita fine de la pasinta jarcento de japanino s-ino *Deguchi* (tiu jam estas unika!), preskau en la sama tempo kiam Zamenhof kreis la internacian lingvon. La bazo de la religio estas profunde japana, kun similecoj al origine japana religio Shintoismo, kaj ekzemple la flego de japanaj tradiciaj artoj (Ikebana, Kabuki - teatro, Aikido..) apartenas al la principoj de Oomoto. Same gravas por oomotanoj internacieco kaj toleremo, ekzemple la komuna diservo kun la kredantoj de aliaj al dio kredantaj religioj, kaj ke internacieco inkluzivas la uzon kaj la propagandon de Esperanto. Nun vi certe ne miras, ke la moto de Oomoto estas „unu dio - unu mondo - unu interlingvo“. Sed - por ne tro „varbi“ por unu religio, jen mia komenca demando pri trankvileco: Trankvileco??? Che Oomoto oni estas vekata matene je la kvina per duonhora seninterrompa kantado - por preparighi al la unua frumatena diservo! Ne nur la animo prosperas en Kameoka. La chirkauajho invitas al rondveturoj per biciklo. Ofte en Kameoka estas esperantistoj de diversaj nacioj, oni ne devus sole veturi - en la valo inter rizkampoj, au en la chirkaua montaro, al kashitaj sanktejoj, tra densaj arbaroj kiuj spegulas en ensorchitaj lagoj, apud riveroj kiuj tranchis sian fluvojon profunde en la shtonan grundon, au al fonto kun fresha - sankta - akvo rekte de la montaro.

Lau la rekomendo de *Joel Brozovsky* - kiu laboras en la Oomoto-centro - mi vojaghis al la tre malgranda vilagho Takui en Takeno apud Kinosaki - nordokcidente de Kyoto, che la japana maro. Takui estas ege pitoreska fishkaptista vilagho kun nur chirkau 30 domoj, kaj situas en malvasta dekliva valo, kiu malfermighas al la maro. Tie loghas sinjoro *Hashiguchi*, kiu - kvankam 82 jaragha - ankorau aktivas por Esperanto. Antau la alveno mi pensis pri ripoziga semajnfino en fora loko che la maro, pri trankvilo kaj ebleco mediti pri la vivo. Sed alvenante en Kinosaki s-ro *Hashiguchi* ne sole akceptis min, sed estis kvar esperantistoj, kaj dum la vespero honore al mi - kaj por mi estis granda honoro gasti che tiel bonkora homo kiel s-ro *Hashiguchi* - okazis granda bruegaja festo, dum kiu mi konatighis kun multaj japanoj. Ili donis al mi multajn informojn, gravajn por kompreni pri Japanio kaj pri la evoluoj de la pasintaj jaroj, ekzemple pri la malprospero post la „bubble“ -ekonomio kaj la nun alta senlaboreco - rapide kreskanta en necentraj partoj de Japanio kiel la nordokcidenta flanko, kaj kiajn sortojn, kiajn timojn havas gejapanoj, kiuj perdis la laboron, char la helpo al senlaboruloj ne estas tiel alta kaj longdaura kiel en Germanio. Alia tre interesa interparolado estis pri la medio kaj mediprotektado: rigardante pejzaghojn, kampojn, naturon al mi ofte venis la demando, chu la plantoj au chu la betonaj konstruajhoj en Japanio pli rapide kreskas. Kie ekzemple ankorau estas libere fluantaj riveroj? En Takeno trovighas (ankorau) tia rivero, kaj ekzistas tiaj homoj kiel ekzemple s-ro *Honjo*, kiu dedichas sian vivon al mediprotektado, al la edukado de infanoj en propra lernejo pri la medio, ankau organizante kaj gvidante migradojn en la montaro por ekscii pri sovaghaj plantoj kaj pri la richega fauno en la rivero „Takeno-gawa“.

Trarigardante japanajn turismajn katalogojn, per kiuj entreprenoj, komunumoj au urboj varbas por ferioj en Japanio mi konstatis, ke jenaj motivoj gravas: 1. Sin bani en Onsen (banloko kun varma fonto). 2. Bonege manghi 3. Vidindajhoj. En Germanio estas alia sinsekvo (rilate Germanion mem): Unuan rangon havas la vidindajhoj, sekvas la eblecoj travivi ion (ekzemple amuzejoj, sperti kulturon). Bone manghi ne tiom speciale menciindas kiel en Japanio, gravas bona biero aux la surlokaj vinspecoj. Krom la deziro interkonatighi kun interesaj homoj kaj bone manghi kaj trinki kun ili (chiam estas tiaj bezonoj, chu ne?) - tiaj rangoj por mi ankau estis gravaj, kiam mi elektis unu lokon, vizitinda pro eksterordinara vidindajho. Chu vi scias

ke en Japanio trovighas sablo-dezerto, kun dromedaroj kiel transportrimedo? Mi do veturis al la dunoj de Tottori. Ili estas ghis 90 m altaj, kaj havas longecon de 16 km. Eblas unu tagon nur migradi en fajna sablo! En tiuj dunoj estis farita filmo lau la libro de japana autoro *Abe Kobo* - „La virino en la dunoj“: Jen mallonge la enhavo (kaj miaj pensoj): Viro provas farighi fama (chu viroj ne chiam volas ighi famaj?) per la esploro de nekonata speco de sablomusho (vere mi vidis kelkajn), kio pro la malkovro fare de li havus lian nomon kiel biologian esprimon (mi preferus stelon kun mia nomo). Sed tiu homo estas kaptita de la enloghantoj de la regiono (ne okazis al mi (?)) kaj enkarcerigita en profunda sablofunelo, sur kies fundo vivas virino. La daure en la funelon fluetanta au blovita sablo kun la helpo de la menciitaj regionuloj devas esti fortransportata chiutage denove (kiun sencon havas vivo kaj laboro?). La du devige kune vivantaj homoj karakterizas du eblajn principojn por vivi: La virino opinias ke sia destino trovighas en la savo de la funelo, kaj shi provas laueble plibonigi la vivkondichojn en tia chirkauo, la viro estas mem mallibera pro sia daura pensado pri fugho el la funelo (el la vivkondichoj kiun donas socio). Sur la sablotrista fono evoluighas interesaj dialogoj kaj agoj de kaj inter du homoj kun diversaj vivkonceptoj. Feliche ne kaptita en sablotruo, sed libere pensante pri tiu libro kaj pri la vivo, pri la beleco de la chirkaua naturo, sonoj de la apuda maro, kaj la sablo blovita sur la hauton, mi estis trovinta lokon de trankvileco kaj ripozo.

Enhavo

---

**eMail bei Esperanto Hamburg eingetroffen am 19.9.1999:**

Wochenendseminar in Hamburg zur Oeffentlichkeitsarbeit
Mit Fakten und Geschick fuer Esperanto werben und die Oeffentlichkeit wirksam erreichen
Termin: 13. und 14. November 1999, jeweils von 10.00 bis 16.00 ur
Ort: Esperanto-Haus in Hamburg, Klaus-Groth-Str. 95, 20535 Hamburg
Tel/Fax: 040 / 250 30 65
Ihre Dozenten: Juergen Wulff und Ziko M. Sikosek
Juergen Wulff wird die Grundlagen erfolgreicher Kommunikation darstellen:

- Wahrnehmung schaerfen
- Fragetechniken
- Aktives Zuhoeren
- Ein gutes Gespraechsklima schaffen
- Auf Gespraechspartner eingehen
- Gespraechspartner fuehren

Ziko M. Sikosek stellt Fakten zu Esperanto mit Blick auf die Oeffentlichkeitsarbeit vor:

- Sprachwissenschaftliche Grundlagen
- Basis-Information Esperanto-Geschichte
- Prominente und Esperanto
- "Aktivposten" und "Fettnaepfchen" von Esperanto
- Was Journalisten interessiert

Kosten: 150,- DM. Fuer Mitglieder der Hamburger Esperanto-Gesellschaft, des D.E.B. und der DEJ sowie Menschen ohne Einkommen: 120,- DM. Inkluzive Mittagessen und Kaffee, Tee, Mineralwasser.
Melden Sie sich an oder fragen Sie nach beim Esperanto-Haus in Hamburg oder bei
Juergen Wulff

